# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO




**La Esperanto-Fako de "Klubo de Unesko-Amikoj" en Barcelono, festis la pasintan 5-an de Novembro la 30-jaran datrevenon de la fondiĝo de U.N.E.S.K.O.**

N.º 218 - Noviembre - Diciembre, 1976

# BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre, D. Rafael Herrero y D. Juan Devís.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodriguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7º
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8º
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: Nº 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
Pº Marina Moreno, 35 – 4º
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.



Nome de HEF-estraro kaj Redakcia Komitato, mi transdonas al ĉiuj niaj legantoj kaj subtenantoj, mian plej kortuŝan dankon pro via malavara helpo al la fakoj de nia Federacio, kaj deziras al ĉiuj FILIĈAN KRISTNASKON KAJ PROSPERAN NOVAN JARON 1977-an.

A. Figuerola

# DENOVE LABORU, DENOVE SUFERU, DENOVE NI VENKOS

Se oni tralegas diversajn malnovajn eldonojn pri la internacia Esperanto-movado, eĉ de nia lando, facile la leganto konstatas, ke post la unua mondmilito, la esperantistaro atingis kulminan sukceson. Ekzemple, la plej multenombra U.K. estis tiu de Nurenbergo, Germanujo, kun 4.963 kongresanoj je la jaro 1923. Plie, UEA atingis en la jaro 1925 la pinton kun 9,424 membroj. Same SAT dum la jaro 1929 atingis 6.500 anojn. La eldonoj de "Suno Hispana" 1903 ĝis 1927, "Hispana Esperantisto", 1917 ĝis 1923, "Kataluna Esperantisto" 1910 ĝis 1936 kaj "Kataluna Antologio" eldonita je la jaro 1925, sigelis la grandiozan agadon por Esperanto tra nia lando.

Tiel do, ne sciante ni nun la kialojn, eble la favora cirkonstanco danke al la ĵus fondita "Ligo de Nacioj", eble la rezultato de antaŭaj agadoj pri nia movado, eble la grandioza kaj kuraĝa temperamento de niaj elstaraj antaŭloj, fruktedonis epokon, unu el la plej brilaj de Esperanto. Epoko, kiun difinas per si men, kiel la plej fluktedona post la unua epoko, kiam L.L. Zamenhof kreis kaj oferis a la mondo nian Internacian Lingvon.

Oni mirigas ankaŭ la grandan diversecon de profesioj, el kiuj devenis la antaŭa esperantistaro: Sciencistoj, kuracistoj, profesoroj, militistoj, politikistoj, pastroj, laboristoj, kamparanoj, ĵurnalistoj, oficistoj, artistoj, ktp. Dum tiu epoko, IO SKUIS la homaron, IO STARTIGIS la Esperanto-Movadon, kaj la esperantistaro supozis, ke la oficialigo de Esperanto, kiel helpa lingvo en la internaciaj rilatoj de la landoj, plene realiĝos dum la proksimaj jaroj. Tamen, alvenis la dua mondmilito, kaj ĝi rompis ĉiujn planojn, ĉiujn revojn...

Post kelkaj jaroj, post la dua mondmilito, la esperanto-uzantoj, tiuj kiuj vidis la disfalon de E-propaĵoj, societoj kaj kluboj, entreprenis denove la taskon rekonstruante nian internacian organizon, landan kaj regionan asocion, kaj urbajn grupojn. Kaj iom post iom, Esperanto atingis ĉefan rolon en nia ĉiutaga vivo. Idoj de ili estas nun en la altaj postenoj de la Esperanto-Movado. Tiuj novaj generacioj kun firma pulso kaj kun la unua sama celo —laŭ UEA, disvastigi la uzadon de la Internacia Lingvo Esperanto, aŭ kiel HEF, la celo de la Federacio estos diskonigi per ĉiuj leĝaj rimedoj, atingitaj de ni, la internacian lingvon Esperanto—. Nia internacia kaj landa movado atingis seriozan rekonon de: UNESKO, ŝtatestroj, aŭtoritatuloj, fakaj internaciaj asocioj kaj cetere.

Tamen, al la aktuala triunfo de niaj organizoj, mankas io: granda nombro da uzantoj de Esperanto.

Hodiaŭ, en la mondo, estas milionoj da personoj, —eĉ en nia lando multaj miloj—, kiuj uzas Esperanton; sed tio ne sufiĉas al la homaro. Eble, por vi, leganto, kaj por mi kiel membroj de elita asocio, kelkgrade sufiĉas la nuna situacio; tamen ni devas konsciiĝi ke, kiam la kreinto de Esperanto L.L. Zamenhof elpensis la lingvon internacian, lia idearo estis krei internacian lingvon por ĉiuj homoj, ne nur por ni. Pro tio, mi sugestas al ĉiuj, ke ni devas instriu, diskonigi, disvastigi Esperanton inter niaj konatoj, amikoj, familianoj; nur tiam kiam la nombro da esperantistoj estos multe pli granda ol nune, la sukceso de la idearo de la kreinto de nia internacia lingvo vere realiĝos. Pro tio, ni finas per la samaj vortoj de la komenco: DENOVE LABORU, DENOVE SUFERU, DENOVE NI VENKOS.

S. Aragay

# PER NE KUTIMA MANIERO

Nuntempe, ĉio ŝanĝiĝas: pedagogiaj sistemoj, politikaj agadoj, junularaj kutimoj kaj eĉ kondutoj; nenio estas planita kiel antaŭ kelkaj jaroj. Pro tio, ne mirige, se oni dirus al ni ke... ie en loko de Manĉo, kies nomon ni ĉiam memoros...; tie mem kie Donkiĥoto rompis lancojn por defendi la justecon, sen bruo, sen antaŭa peto kaj eĉ sen komuniko al nia Federacia instanco, kaj tio ne pro nerespondeca aŭ sendisciplina sendependeco, sed tute male, pro modesteco, ĵus, ĝuste antaŭ unu monato, estis dediĉita strato al Esperanto. Jes, tio pravigas la influon de nia tempo.

Plej ordinare, dediĉi al nia movado straton postulas certajn antaŭkondiĉojn, ekzemple, la okazigo de kongreso, renkontiĝo aŭ ia alia simila evento. Tamen, ĵus ni sciis, ke en Villacañas (Toledo), antaŭ unu monato, sen ia ajn ceremonio, okazis tio. Komprenable, la afero havas sian kialon:

Multaj el vi verŝajne memoras, ke antaŭ kvar-kvin jaroj, la hispana televido organizis konkurson sub la titolo "Un pueblo para Europa". Temis pri gimnastikaj aŭ sportaj provoj kun internacia karaktero. La fina elmontro devus esti en Roterdamo. Villacañas estis la loko, kiun pro meritítaj kondiĉoj de la tieaj sportistoj, kiuj rezultis finalistoj en la provoj de Hispanio, oni elektis por konkuri kun la diversaj eŭropaj partoprenantaj grupoj.

Altiritaj de monavido, gravaj komercaj kaj industriaj entreprenoj alkuris tien kun kontentigaj monproponoj. La urbo fariĝis kvazaŭ la Mekko de la sportistoj kaj... de la negocoj.

Kiel kuraĝa Heroldo de nia kaŭzo, unu el la membroj de Grupo Esperantista de Alicante, kies nomon li volas lasi en kaŝiteco, (ankoraŭ estas modestaj homoj! ) forkuris tien kaj helpe de malnova tiea amiko li klarigis al la Roterdamaj partoprenontoj fulmkurson de Esperanto. Nia s-ano havis grandanimajn pensojn. Li konjektis, he ĉar Roterdamo, kun tiom da esperanta historio, estis la oficiala loko de tia grandskala olimpiado, kaj Villacañas estis la urbo, kiu devis porti la torĉon de la hispana venkinta teamo, la kono de Esperanto povus efiki tre oportune, kaj por la Movado kaj por ili mem.

La afero fiaskis. Televido ne povis elporti la entreprenon ĝis la fino. Tamen la semo de Esperanto estis tie disĵetita kaj donis fruktojn: nia tiama helpanto s-ro. Luis García Montes, nune vic-urbestro de tiu manĉa urbo, kiel bona Kiĥot-ido volis rompi lancojn por la rejustigo.

Kaj jen, iun tagon de ĉi tiu printempa aprilo, kiam nia Grupo kunvenis, prezentiĝis kun tiu sia amiko, nia Grup-ano, kaj plej modeste kaj nature diris al ni, ke lia urbo dediĉis straton al Esperanto; ke iam, kiam la samideanaro povos iri, la tieaj autoritatuloj estas pretaj oficialigi la eventon. Kaj kun ŝato li montris al ni elegantan presitan gazeton "Analecta Calasantiana", eldonita de la Ordeno "Escuelas Pías", en junio 1973. Per ĝia legado ni scias, ke jam en la unuaj dekoj de nia jarcento, iu monaĥo, glora filo de Villacañas, fama profesoro de "Colegio de Escolapios" de Sevilo, verkis belan poemon kun la titolo "Cursus Taurorum" ("Corrida de Toros"). Laŭ la erudiciuloj, ĝi estas tre majstra verketo por kiu eĉ nia granda poeto Francisko Rodríguez Marín havis tre laŭdajn vortojn, kiujn mi ne reproduktas por ne longiĝi pli.

"Cursus Taurorum" konsistas el pli ol tricent heksametroj, verkitaj en pure klasika latina lingvo. En unu el ĝiaj versoj, por nia fiero, la verkinto havas tre atentindajn frazojn por Esperanto kaj por Zamenhof. Jen ili:

Antiquoque novos artis dent jungere mundos
Quique Esperanto Zamenophi verba loquantur,
Extendant hujus Clarum per saecula nomen.

Kiuj, en kastilia lingvo diras:

De la Ciencia veraz, y nuevos mundos
Juntemos del saber al mundo antiguo,
Y lléguense a expresar con el idioma
De Zamenhof invento prodigioso
Que Esperanto se llama y que su nombre
Se extiende por doquier el hombre more.

Ni estas tre dankaj al tiu simpatia urbo, kiu tiel modeste sed meritoplene, en du malsamaj okazoj tre dise en la historio, du el ĝiaj filoj, Pastro Jerónimo de Córdoba, kaj s-ro Luis García Montes, Tiom noble agis por Esperanto.

Informis

M. López Serna

# LA 28-a IFEF-KONGRESO EN SKELLEFTEA (SVEDUJO)

De la 12-a ĝis la 18-a de Junio 1976 La sveda komunumo SKELLEFTEA gastigis la europajn esperantistajn fervojistoj, konsistantaj, en 482, kaj apartenantaj al 19 landoj; inter ili partoprenis tiun gravan internacian E-Kongreson 24 gehispanoj. Sufiĉe multnombra, se oni pripensas, ke la kongresurbo ĉijara estis 4.500 km. malproksime de Hispanio.

La hispana grupo, verturante tra Kopenhago kaj Stokholmo, alvenis al Skelleftea sabaton matene, sed la plej multaj el la gekongresanoj alvenis posttagmeze; ĉe la stacidomo, oni akceptis nin per muziko bone ludata de orkestro el Bodö (Norvegio).

Atendis nin membroj de L.K.K., kiuj diligente kaj rapide distribuis la alvenintojn al liaj respektivaj loĝejoj pere de autoĉaroj.

Ni estis loĝigataj en belegajn lignajn dometojn, kiuj staris meze de arbaro en la proksimeco de la kongresejo.

La kongresejo estis belega konstruaĵo EDDAHALLEN, kie oni disvolviĝis la plej multo el la kongresa programo; la unua ero de la programo, kiel kutime, estis la interkona vespero; ĝi estis okazo por saluti novajn kaj malnovajn amikojn. Tiuj, kiuj ne tro laciĝis pro la vojaĝo, havis ankaŭ la eblecon danci laŭ muziko de "KVARTETO ESPERANTO" ĝis la noktmezo; granda surprizo estis por ni, kiam forlasante la kongresejon por iri dormi, ni konstatis, ke la suno ankoraŭ brilis ĉe la horizonto.

Dimanĉon matene okazis ekumena diservo en preĝejo "Landskyrkan", kiun ĉeestis pli ol 400 personoj. La diservo okazis en Esperanto, kaj estis celebrita de pastro Renheim el Glanshammar kaj Hans Müller el Germanio. Dum la diservo la ĥoro de Skelleftea bele kantis.

Posttagmeze okazis la solena malfermo de la kongreso. La prezidanto de LKK bonvenigis la gekongresanojn kaj sekve, parolis la invititaj gastoj, kiuj bonvenigis nin al Svedio kaj al la regiono. Poste sekvis salutoj de reprezentantoj el 19 landoj.



Hispana delegitaro okaze de la lasta 28-a Kongreso de IFEF.

La lasta, en la vico de parolantoj, estis la prezidanto de IFEF, kiu malfermis la kongreson aldonante laŭdajn vortojn por la aranĝantoj de la kongreso, kaj instigante la membraron de IFEEF al pli de aktiveco kaj al fortigo de niaj agadoj.

Post la malfermo de la kongreso, okazis la honorigo de k-go Harry Bengtson per la bronza medalo de Fisaic, pro lia longjara aktiva agado en IFEF sur la kampo de terminaraj aferoj kaj la ellaborado de la sveda fervoja terminareto.

Vendredon matene, okazis la lasta kunsido de la kongreso, t.e., la Plenkunsido. En ĝi estis traktitaj la diversaj kongresproponoj, la buĝeto por 1977, elekto de la estraro kaj revizoroj, Kiel kongresloko por 1977 estis provizore akceptita la angla urbo SWANWICH. La dato por la kongreso estos de la 13-a ĝis la 20-a de Majo 1977. La itala landa asocio provizore invitis por aranĝi la kongreson de 1978 en ROMO. Posttagmeze, okazis la tuttaga ekskurso; 10 aŭtoĉaroj forveturis de la kongresejo kunportante nin tra belaj pejzaĝoj al la akvofalo "STORFOSSEN", kie ni havis eblecon rigardi la imponajn amasojn da akvo. De tie, ni veturis al la urbo Jokkmokk, kie ni manĝis bongustan salmon, kaj poste, ni vizitis la muzeon, kiu enhavis multajn interesajn objektojn rilate al la lapona vivo. Antaŭ ol ni alvenis Jokkmokk, ni haltis ĉe la ARKTA CIRKLO, kie ni ricevis ateston pri la transiro de la Arkta Cirklo.

De Jokkmokk ni veturis al Arvidsjaur, kie estas malnova lapona vilaĝeto, kaj en tiu vilaĝeto, okazis la oficiala fermo de la kongreso. La kongreso vere estis plenplena da surprizoj. Neniam antaŭe okazis la fermo de la kongreso noktmeze sub la hela ĉielo. La prezidanto fermis la kongreson per la vortoj "Ĝis revido en Britio".

Per la aŭtoĉaroj la lacaj gekongresanoj reveturis al Skelleftea, kie ni alvenis je la 4-a horo matene. Tio estis la fino de la 28-a IFEF-KONGRESO, en kiu partoprenis malgranda hispana grupo, kiuj malgraŭ la distanco inter Hispanujo kaj Svedio, ili tute ne timis envagoniĝi dum 62 horoj por ĝui la Esperantan etoson, kiu regas en INTERNACIAJ KONGRESOJ.

Rafael Devis

---

La katalunaj esperantistoj apartenantaj al "Sennacieca Asocio Tutmonda "(SAT) kunvenis en Sabadell la 10-an de oktobro por pritrakti la disvolviĝon de la esperantista laborista movado. Oni akordis la preparon de baldaŭa kunveno por la fondiĝo de "Laborista Esperanto-Asocio" (L.E.A.) en nia lando. Estis diskutata la ebleco de SAT-Kongreso en Hispanujo kaj la laborplano por enkonduki Esperanton en la sindikatajn mediojn.

SAT-ano

---

**BARCELONO**

La Esperanto-Fako de "Klubo de UNESKO-Amikoj" organizis dum la printempo la "Unuan Literaturan Konkurson", sed bedaŭrinde partoprenis en la konkurso malmultaj verkistoj. Tamen, iuj el ili estas vere interesaj; pro tio, oni prezentas al vi la poemon de L. de Yzaguirre titolita "GENI", per kiu li gajnis la duan premion en la branĉo "originala poezio".

## geni

Dum la leviĝo de l'suno, mi vidas nur vian vizaĝon,
sentas la bruston junecan ekboli je am' malsatante,
palpas dorsnudon oazan de manoj sen lac' travagatan;
tiam miksitas la kruroj, la viaj, la miaj, l' ambaŭaj.
Nokto fariĝis momento, finiĝas momento eterna,
Male, eterno momentas post kiam la viaj okuloj,
verdaj, marfundaj, algecaj, revenas varmige el nigro,
ridas elkore ekscite, kaj manetoj ludemaj
mian korpon karesas, stimule en vi fandiĝante.
Ardo el buŝo moleca la mian humide supligas.
Sunon ni sensas amoran apere post nokto silenta:
plugas mi maron dronigan, ĉe l' fund' niiĝante.

## MANUEL DE FALLA, GRANDA HISPANA MUZIKISTO

Ĉi jare, la hispanaj amantoj de la eterna muziko, kaj la muzikamantoj de la tuta mondo, rememoras la centjaran naskiĝdatrevenon de unu el la plej grandaj kaj geniaj inter la hispanaj komponistoj: Manuel de Falla. La hispana folkloro vivis unike pere de la "zarzuela" (hispana opereto) disigita de la klera muziko al kiu Hispanio alportis nenion ekde kelkaj jarcentoj ĝis kiam, dum la lasta duono de la XIX-a jarcento, refloras la muzika aktivaĵo. Tiel, Albéniz, Granados, Pedrell kaj Falla elstaras en tiu muzika hispana verkaĵo.

Falla naskiĝis en 1876 en Kadizo, sed dum multaj jaroj vivis en Parizo, kie studis kun la eminentaj komponistoj Fauré kaj Debussy, havante grandan amikecon kun Ravel kaj Stravinsky.

La granda muzika laboro komencita en nia lando de Albéniz kaj Granados estis kronita de Falla, pere de la kunigo de diversaj ritmoj kaj folkloraj hispanaj melodioj, kun la sentema sonoreco de la franca impresionismo kun kiu li kontaktiĝis en Francujo.

Lis unua opero estis "La Mallonga Vivo" eldonita en franca lingvo en Nico. "La Bildaro de Maese Petro" estis tre grava stilistike, ĉar ĝi montras epizodon de la mondfama novelo de Cervantes "Don Kiĥoto" per marionetoj kaj kantistoj. La figuro de la foira disvokisto mezkantante dum la tuta komponaĵo, kontribuas kiel ponto inter la klasika kaj la moderna teatraĵo. Sed inter lia laboro elstaras la orkestraj komponaĵoj kaj la baleto kiel "La Trikorna Ĉapelo" kaj "La Sorĉa Amo", ambaŭ sugestiaj pro sia vibra hispana ritmo. Tiamaniere, kun la samaj karakteroj, li komponis "Noktoj en la ĝardenoj de Hispanujo" por piano kaj orkestro. Per tiuj komponaĵoj Falla levis la nacian folkloran muzikon ĝis atingi internacian nivelon.

Dum lia matureco, Falla malproksimiĝis iom post iom de la impresionismo alproksimante sin al la neoklasikismo de Stravinsky kun granda formala klereco.

Lia fama opero "La Atlantido" estis komponata dum lia volonta ekzilo en Argentino, kie li mortis en 1946, ne povante fini ĉi tiun komponaĵon. "La Atlantido", bazita sur la samtitola poemo de la granda kataluna poeto J. Verdaguer, estis finita, post lia morto de lia disĉiplo E. Halffter kaj ludata la unuan fojon en la "Scala de Milano".

Per ĉi tiuj linioj, mi dediĉas etan sed sinceran omaĝon al ĉi tiu granda hispana komponisto, kies komponaĵoj estas ludataj de la plej famaj simfoniaj orkestroj en la tuta mondo kaj vere kun ĝojo aŭskultataj de ĉiuj muzikgeamantoj.

M. R. Urueña

---

**Komentarioj de la Redaktoro:** La poeta verkisto imitis, laŭ la formo la klasikan poezion; ĝi ne posedas rimon, sed la poezio kuŝas en tio ke, ĉiu verso posedas specialan distribuon de la forta silabo, ekzemple:

Nokto fariĝis **momento**, finiĝas **momento eterna**.

Tiun ĉi verseron, oni nomas "piedo" prezentanta, facile memoreblan kombinon de unu forta kaj de unu aŭ pluraj malfortaj tempoj (ritmo, pulso).

---

**Lingvaj klarigoj:** GENI - Estas la pronomo Ni kun la prefikso GE.
TRAVAGATAN: Trairante de unu loko en alian sen difinita celo.
FANDIGANTE - Likviĝante pro varmo.
SUPLIGAS - Moligi, malrigidigi.
PLUGAS - Prilabori la teron, tranĉante ĝin per speciala ilo por prepari semadon kaj kulturon.
NIIGANTE - Tiel, ke ambaŭ fariĝas ni.

# L. DE BEAUFRONT

Tutcerte, maturaj esperantistoj, leginte tiun nomon, miros ke mi mencias tiun de perfidulo, maliculo kaj vantema persono, kiu multe ĉagrenis Zamenhof kaj estis unu el la plej kulpaj pri la disiĝo de la naskiĝinta esperantismo.

Tamen, se ni pesas en justiga pesilo de favorajn kaj malfavorajn farojn de De Beaufront, ni alvenos al la konkludo, ke lia ekzisto en nia kampo estis tre, tre pozitiva, kvankam li interpretis veran rolon de Judaso en la vivo de Zamenhof.

Naskiĝinta en aristokrata sed preskaŭ senmona familio, li estis tre klera persono, posedanta viglan senton de organizado kaj praktika utiligo, kiu estis decida en la disvolviĝo de la esperantista movado. Li aliĝis al Esperanto tre frue (1.889) kaj li aktivis tre efike en la franca medio, kiu baldaŭ transprenis la torĉon de la gvidado, ĝis tiam portata de rusa kaj germana movadoj. Li instruis, gvidis kursojn, kalrigis dubojn kaj estis la aŭtoro de la unua lernolibro de Esperanto por franclingvanoj. Li fariĝis kvazaŭ la delegito de la Fondinto, pro siaj kapabloj, persisto kaj fideleco, pruvita dum la krizo okazigita de reformemuloj en la jaro 1894. De Beaufront estis tiam la ĉampiono de la stabileco de la fundamenta lingvo, eĉ kontraŭ la ŝanceliĝanta sinteno de Zamenhof, cedema pro temperamento kaj celanta konservi la koheron de la movado.

La influo de De Beaufront, fondinto kaj ĉefredaktoro de "L'Esperantiste", kiu, de Francujo, disradiis la lingvon en la tutan mondon, estis tre intensa, kaj kontrastis kun la modesteco kaj la humila sinteno de Zamenhof.

Oni povas aserti, ke la agado de De Beaufront en tiu epoko estis esenca, tiel por la stabileco de la lingvo, kiel por la plifirmigo de la esperantistaro, kiu, de tiam, akceptus meniun ŝanĝon en la lingvon, eĉ se ĝi venus de la Fondinto mem.

Oni devas konsideri, ke Esperanto vivadas kaj disvolviĝas, malgraŭ la konkurenco de kelkaj projektoj, ĉefe, pro tiu spirito de netuŝebleco, vigle subtenata de De Beaufront.

Celante la aprobon de ŝtataj instancoj, li liberigis Esperanton de ĉiuj aliaj filozofiaj aŭ socialismaj aferoj, eĉ de la "interna ideo", emfazante nur la utilon de la lingvo por la internacia komprenebleco; liaj sentencaj vortoj estis: "Esperanto estas nura lingvo; nenio pli". En tio li ne pensis kiel Zamenhof, kiu, ne forlasante la utilon de la lingvo por praktikaj aferoj, ĉiam subtenis la moralan rolon de Esperanto por atingi pli pacan etoson en la mondo.

De Beaufront estis orgojla, firme staranta en sia gvidanta posteno, super la aliaj, tamen grandaj tiutempaj figuroj: Sébert, Bourlet, Boirac, Michaux, Couturat, Leau, K.t.p. Li sin sentis la plej grava inter gravuloj, kaj eĉ pensis: "Esperanto estas mi mem".

Li sukcesis altiri elstarulojn al Esperanto kaj, ĝiaprofite, li varbis neesperantistojn, sub la titolo "aprobantoj", kiuj favoris la Movadon, ĉar, fakte, ili estis "pagantoj".

Jam de la komenciĝo de Esperanto li diris, ke li estis elpensinta internacian lingvon, nomata "Adjuvanto", kiu multe similis Esperanton, kio estis tre suspektinda, ĉar la postaj okazintaĵoj pruvis ke ĝi estis la embrio de "Ido", kiu, siavice estas nura Esperanto "reformita"!

Kiam Couturat kaj Leau formis la Delegitaron por la ebla akcepto de internacia lingvo fare de ŝtatoj, Zamenhof delegis De Beaufront por defendi la kandidatecon de Esperanto. Tiam aperis kiel konkuranto, ia reformitaĵo de Esperanto kies patreco restis dumtempe kaŝita, ĝis kiam, fine, De Beaufront senmaskiĝis deklarante sin la aŭtoro de "Ido", kies nomon ĝi alprenis, ĉar Zamenhof malakceptis ke ĝi portu la nomon de "Esperanto Reformita", kaj li, kun la preskaŭ tuta esperantistaro fariĝis naŭzitaj de tia fiago.

Multe de malutilo kaŭzis De Beaufront al la Movado per sia deflankiĝo, sed lia kontribuo al la solideco, kohero kaj seriozeco de la esperantistaro estas nedubebla, ĉar ĝi konscias pri la pravo, efiko kaj utilo de la lingvo, tiel kiel ĝi estis dekomence, senŝanĝe. Ĉiuj devas agnoski, ke tiuj kondiĉoj ŝuldiĝas, grandparte, al De Beaufront, kiu faris la bonon, en la ĝusta tempo, kaj la fiagon kiam ĝi ne povis jam serioze malutili Esperanton.

CIRANO

## MIA MALJUNA NAJBARINO PLENDAS

*Ve malfeliĉa urbarbar'*
*polvkovrita ĉe randstrat'!*
*Vi falos certe venkita*
*pro via branĉar' ne hakigita...*
*Ne plu verdas hele ĉi jar'*
*folioj kun printempa gaj'!*
*Flavaj, etaj, tristaspektaj*
*mortis vi dum tagoj festaj.*
*Sovaĝaj dancoj moskitaj*
*tra fenestroj malfermitaj*
*dum varmaj noktoj somera...*
*...vane eksplodo kolera!*

*Ve malfeliĉa urbarbar'*
*sub gvidado de urbestrar'!...*

*(Aŭtuno, 1971)*

---

*Iru denove aĉeti diantojn,*
*festu festtagojn, malfaldu vizaĝon.*
*Ridetu stultulo, serenajn kantojn*
*ĉe gorĝ, ĉe lip' estiĝu bela ridaĵo*
*filin' de la kor'. Kun fido au sen ĝi*
*ĉio rondiras kun la stelaro.*
*Antaŭ, dum, post la vipado ĉiam ŝi*
*fidelas. Ŝvebu la kor' sur l'amaro!*
*Nuboj, lazuroj, eterna zigzago;*
*de l'Viv' elsuĉu frandeme mielon.*
*Enestu, forestu homan bazaron,*
*demandu kaj ne kialon - kielon...*

*(ne titolita, Sept. 1973)*

***J. Vélez***

# Ni, esperantistoj

## ESPERANTO KAJ LA SIGNO DE PERFORTO

La nuna socio, kiel heredaĵo de tuta pasinteco de perforto, ankoraŭ estas forte ĝenata de ĝi. Tio ne estas stranga. Se oni studas la historion, oni trovas ĝin plena de perforto, precipe en formo de militoj.

Ekde la prahistorio, la civilizacio disvolviĝis en apartaj homgrupoj, kiuj konstante militadis. Kaj tiu militado donis al la socio ties karakteron. La deveno de la sociaj klasoj inter la homoj ne havas alian kialon.

Ĉie kaj ĉiam, la venkintoj mastras kaj la venkitoj fariĝis la submetitaj klasoj. Lau la rezulto de la eterna militado, fondiĝis la ŝtatoj, kaj ankaŭ la emplekson de ĝiaj limoj, oni ŝuldas al la afero milita. Kiam estiĝas nova militprogreso, paralele, ŝanĝiĝas la vasteco de la ŝtatoj. Al grandaj armeoj, vastaj ŝtatoj. Kaj la malgrandaj ŝtatoj estas sorbitaj de la plej grandaj. Kaj, el tio, rezultas la imperioj.

La homaro, ankoraŭ nun, restas disigita, kaj la afero milita, daŭras kiel ĉiam. Antaŭe, en ĉiu strategia loko, stariĝis kastelo, kaj ne ekzistis urbo sen ĉirkaŭa remparo. Nun jam ruiniĝis la kasteloj kaj oni forigis la remparojn, sed ne pro paca stabileco. Nu, pro tio, ke antaŭ la novaj armiloj ili taŭgas por nenio. La lastaj nukleaj bomboj javas tian detrueblecon, ke la homaro estas minacata de mendetruo.

Ŝajnas, ke antaŭ tia perspektivo, ĉiu klopodu por la paco, kaj tiu agado fariĝu la plej urĝa de la homoj, tamen preskaŭ neniu okupiĝas pri la paca afero. Ni adaptis nian vivon al la rapida teknika progreso, sed ankoraŭ, pro mensa inerteco, niaj kondutoj ne adaptiĝis al la novaj cirkonstancoj kreitaj de la progreso mem. Kiam la scienco malkovris la nuklean energion kaj la tekniko aplikis ĝin al la milito, kaj tiu akiris sufiĉan kapablecon por eĉ detrui la tutan homan vivon, la laborado por la paco jam fariĝis senduba etika devo, kaj ne plenumi ĝin estas la plej malmorala el la kondutoj. Sed antaŭ la ĝenerala indiferenteco, kiu tuŝas ankaŭ nian esperantistan movadon, ne estas do strange, keni, esperantistoj, seniluziiĝu pri la efikeco de nia interna ideo por la paco. Oni delasas ĝin kiel ne aktuala, kaj nia agado reduktiĝas al la nura lingva flanko de la esperantismo. Sed tio alportas, ke nia afero perdu sian gravan humanan perspektivon kiel la precipan ilon por la paco. Anstataŭ tia negativa sinteno, ni devas preni la pozitivan konvinkon, ke estas necese veki la homamason al la laborado por la paco, kaj krome, por la unuiĝo de la homaro; do, tia premiso estas nepre necesa por sukcese stabli ĝin. Sed tio ne estas ebla se ni mem restas dormemaj. Ni devas veki la ĝeneralan indiferentecon por la homarproblemoj per grandaj idioj kaj devoj, per nia interna ideo mem. Ni devas vastigi kaj profundiĝin por elmontri ĝian verecon kaj praktikecon.

Pri la lingva flanko de la esperantismo, el la dek ses simplaj reguloj oni eltiris la grandegan "Plena Gramatiko". Pri la idea flanko, la interna ideo de esperanto, kiu restas kiel ĝermo, enkoraŭ estas farenda paralela tasko.

Pro seniluziiĝo de la idealismo kaj eĉ pro ne esti ankoraŭ sufiĉe tuŝeblaj la ekonomiaj avantaĝoj por tiuj, kiuj scias esperanton, nia afero preskaŭ kuŝas en stagna punkto. Sed ni devas mediti, ke la malaltaj idealoj, kiel la nuraj ekonomiaj avantaĝoj, ne kapablas generi vastajn movadojn. Krome, pro nia kutima mem sinteno favore al la apartiĝo de la homarproblemoj, ni restas kvietaj en ebura turo, kaj tia perspektivo generas stagnon kaj malhelpas, ke la esperantismo povu fariĝi decida historia faktoro por enkonduki la pacon kaj eĉ la lingvan disvastigadon mem.

Vere, la paca afero estas nek simpla nek facila, sed estas nepre farenda. Ni devas esti pacemaj homoj, sed ni devas konscii, ke tio vere grava estas, ke ni estu batalantoj por la paco. La pacemo ne sufiĉas, ĉar estas fakto, ke la destino de la izolitaj pacemaj homoj ĝis nun, nur estis fariĝi la suferantoj de ĉiuj batoj, tiel same kiel la venkitoj, kiuj en tuta la historio falis en la diversajn formojn de subpremado, sklaveco, servuteco, manko de homaj rajtoj, k. t. p. , kaj el tiu konstato, oni eltiris la prestiĝon de la perforta agado, kaj sekve, la perfortaj ideologioj. La prestiĝo de la perforto faras, ke la ordinara homo trovu la internan ideon de esperanto kvazaŭ naiva. Tia estas la plej grava signo de la perforto, kiu rekte malfavore tuŝas nin.

Tamen, la enkonduko de la paco estas nepre necesa por la supervivado de la homaro. La paca devo, devas penetri en la menson de ĉiu homo, al ĉiuj kaj ĉie. Kaj tia tasko apartenas al ni, esperantistoj. Ĝi estas la plej alta homeca entrepreno farenda en tutmonda skalo, kaj ni, kiel esperantistoj, estas, kiuj devas precipe starigi la stadanrdon de la paca batalado. Ĝi estas nia esenca penado kaj devo. La afero estas tutmonda kaj pere de nia universala lingvo ni enkondukos tion, kion diras la "Espero": "La popoloj faros en konsento unu grandan rondonfamilian".

Giordano Moya

---



★

Sevilo. Lernejo
"Colegio Nacional
José María Yzquierdo",
Lerneja kurso
1975-a kaj 1976-a
Profesoro.
F. González del Pino.

★

# La realo[1] de la tajloro

Estis kompatindulo, iom trompema, kiu dronis en ŝuldoj al siaj najbaroj; kaj, ĉar ili tro ĝenis lin petante sian monon, li simulis malsanon kaj enlitiĝis. La najbaroj vizitis lin, sidiĝis ĉirkaŭ la lito kaj, kompatemaj, diris al li:

— Pro mi, ne zorgu. Mi malŝuldigas al vi miajn pruntitajn pesetojn.
— Kompatinda! Kaj ankaŭ mi.
— Nu, mi ne volas ŝajni egoisma, kaj ankaŭ...
Kaj tiel ĉiuj escepte de unu: la tajloro.
— Li ŝuldas al mi unu realon kaj li pagos ĝin al mi.
— Nu, havu karitaton! Ĉu vi ne vidas ke la kompatinda mortas?
— Se li mortas, ke li mortu. Tamen li tutcerte pagos al mi!

Tiom ĝenis la malsanulon la monavideco de la tajloro, ke li ŝajnigis sin morta, por ke tiu ne atingu sian celon. Oni metis lin en la ĉerkon, alportis ĝin sur la soklon kaj faris la enterigon. Oni lokis la kadavron en la preĝejo, kaj la tajloro, kiu ne tro fidis kaj nur pensis enspezi sian realon, rifuĝis en la konfesejo. Nokte okazis, ke dek du rabistoj venis en la preĝejon kaj komencis kalkuli la oron, kiun ili alportis en unu sako. Tamen, kvankam ili estis dek du, la kapitano aranĝis dek tri amasojn, ĉar li estis tiel sovaĝa, ke por kutimigi siajn banditojn al la plej grandaj kruelaĵoj, li montris al ili la kroman amason dirante:

— Mi donos ĉi amason al tiu, kiu ponardos la kadavron.

Bandito stariĝis, eltiris ponardon kaj direktiĝis al la ŝajniga mortinto. La kompatinda kadavro mirakle ne mortis de timo; sed rimarkinte la tujan danĝeron, li rapide eksaltis kaj havis la ideon krii al la tajloro, kiu ankoraŭ estis en sia kaŝejo:

— Venu, mortintoj!
La tajloro bruege ĵetis teren la konfesejon kaj respondis per laŭtaj krioj:
— Tien ni iras ĉiuj kune! ...
La rabistoj forkuris teruritaj, ĝis ili atingis la arbaron. Kiam ĉiuj estis tie, sereniĝis iomete kaj rememoris la trezoron, kiun ili lasis en la preĝejo. Tiam la kapitano sendis al ĝi la plej kuraĝan anon de sia bando por ke li sciiĝu pri kio okazas.

La rabisto iris returne, timoplena, kaj eniris en la portikon ĝuste kiam la kadavro kaj la tajloro dividis inter si la riĉaĵon. Fininte la duonigon, la tajloro, kiu ne forgesis la ŝuldon, diris al la alia:

— Bone, nun, donu al mi mian realon...

Kiam la rabisto aŭdis tion ektremis malkviete kaj fuĝis plenkure al la arbaro.

— Ni tute ne pensu reiri por preni la trezoron (li diris preskaŭ senspire al siaj kolegoj), ĉar estas tiom da mortintoj en la preĝejo, ke ili profitas nur po una realon! ...

**Aŭtoro anonima**
**Elhispanigo de Liven**

(1) Realo: Malgrava hispana monunuo, kvarono de la peseto.

# NIA LASTA ADIAŬO

Antaŭ kelkaj monatoj nin forlasis la eminenta hungara pioniro de nia **Beletro**, K. Kalocsay. La morto lin forrabis de ni, tamen por la esperanto vivado restos lia nevalorebla heredaĵo: altnivela poemaro (originala kaj traduka), kaj la neflankenlasebla mastrumado de Lingvistiko.

De liaj komencaj tempoj en 1922, sur la paĝoj de **"Literatura Mondo"**, beletristika kaj grandformata revuo, ĝis antaŭ nemulte da tempo, lia laboro postlasita estas la plej granda monumento ekzistanta sur la kampo esperantista.

Nur kiu povas foliumi L. M., binditan en kelkaj volumoj (de 1922 ĝis 1932), nur tiu povas havi proksimuman bildon de lia kolosa laboro, ĉar li, kune kun Julio Baghy, Paŭlo Balkanyi kaj aliaj kunlaborantoj eksterlandaj, donis rangon ĝis tiutempe neatingitan al la esperanta literaturo.

Pli poste, kaj iom post iom, lia personeco alten stariĝis. De lia artikolo sur la unua numero de L. M. (j.1922) "Al la legantoj", ĝis la traduko de "Reĝo Lear" de Ŝekspiro, la vojirita kampo estis vasta kaj ĉiuflanke semita. Pli poste (j.1971), li persistis en siaj tradukoj de konataj aŭtoroj, kaj al nia kampo envenis Petofi, Heine kaj Baudelaire.

Kvamkam Kalocsay estis pli proksima, en siaj poemoj, al romantika skolo, tamen li povis transsalti al la inspiro trobadora; kaj en tiu kadro, li atingis la Naturan Floron en la X-aj Internaciaj Floraj Ludoj, dum KEF-Kongreso en Vic, en la jaro 1924, per la jena poemo:

**KISOJ**

Mi kisas vian manon:
Patrinon kisas fil'...
Estim'. Respekto pia.
Humil'.
Jen kis'al viaj haroj:
De patr'al filinet'...
Dorlot'. Fier'naiva.
Kviet'.
Mi kisas vian frunton:
Fratinon kisas frat'...
Fidela ŝirm'. Kareso
Kaj flat'.
Jen kis'al via vango:
El kamarada kor'...
Komunaj zorgoj, ŝercoj.
Humor'.
Mi kisas vian buŝon...
Mallumo. Fulm'! Destin'!
Turmento! Rav'! Komenco
Kaj Fin'!

Por la sekvanta jaro 1925-a, li rolis kiel Prezidanto de la XI-aj Floraj Ludoj en Palma de Majorko, kaj sendis la prezidantan paroladon, kies komencaj vortoj, kaj kiel saluto, estis jene:

"Nia amata cindrulino la esperanta poezio, de multaj flankoj rifuzata, rigardata kiel ĥimero, ĉiun jaron ŝi estas savata unufoje el sia cindrulina sorto.
Ĉiun jaron unufoje malfermiĝas antaŭ si la pordoj de Revolando... Kaj ŝi enkorpiĝas en la ĉarma Reĝino de la Floraj Ludoj... Kaj ĝoje ŝi diras: Mi estas denove en Katalunujo, mi hejmen revenis."

Pli poste, tiu ĉi parolado eniris la grandan pordon de Lingvistiko kaj Poetiko, kaj pledis en koncizaj kaj konkludaj argumentoj.

Jam tiam plusis en Kalocsaj, kio pli poste, tra la paĝoj de L. M., embriiĝos unu el la grandaj kvalitoj liaj kiel eseisto: Lingvo-Stilo-Formo.

La nomo de Kalocsaj estas vere ligita al la renaskiĝo de E-a literaturo, post la fino de la eŭropa milito (j.1914-18). En tiu epoko, du urboj estis konataj kiel pioniraj por la Beletro: Barcelono kaj Budapeŝto. En ambaŭ lokoj ekzistis enamiĝintoj kaj kompetentuloj rilate poezion kaj prozan tradukadon: fratoj Grau-Casas, Ventura, Solà, Alberich, Domènech, Pujolà, Dalmaú kaj aliaj, en Katalunujo. En Hungarujo, krom la komence jam cititaj, ankaŭ aliaj tre kompetentaj. Multaj proponoj venis al ni el Parizo, Antverpeno, Budapeŝto, Ĝenevo, tre kuraĝigaj, kun la celo entrepreni eldonon de ĉiumonata literatura revuo, ĉar laŭ ties opinio, la fakto de la ĉiujaraj Floraj Ludoj estis neelĉerpebla fonto de materialo por tiu celo. Sed en la kapo de tiuj iamaj katalunaj pioniroj jam svarmis la ideo pri "Kataluna Antologio", kies unua eldono aperis en j.1925. Do, la tasko estis dividita inter Budapeŝto kaj Barcelono, kaj la rezulto: Literatura Mondo kaj Floraj Ludoj.

Al ambaŭ stadioj fluis la inspiro kaj senĉesa kunlaboro por plialtigi la riĉigon de nia E-a lingvo, kio kondukis ĝis al nuntempaj kaj nivelo kaj riĉenhavo.

La Majstro, Grabowski kaj Kabe, starigis la unuajn ŝtonojn por nia Turo; poste ĝin plialtigis Kalocsay, Baghy, Forge kaj nia inspirita poeto Jaume Grau— Casas (la lasta Trobadoro, nomis lin je lia morto en j. 1950, elstara itala pioniro). La lingvaĵo akiris tian flekseblecon, dank' al tiuj du epokoj aluditaj, ke Esperanto, en la nuntempo staras jam kiel unu plia kulturlingvo.

Kaj nun, nur restas al ni, kiel lasta foradiaŭo, ripeti la klasikan frazon:

Ripozu en paco, kara Kalocsay!

**Eduard Capdevila**

---

# LETEROJ DE LA LEGANTOJ

Laŭ indiko de la grupo "Fido kaj Espero" de Valladolido, oni starigas novan sekcion en nia bulteno, ĉar ni plene konscias, ke ĝia peto estas kaj estos por niaj abonantoj tre interesa kaj utilia. La redakcio profitas ĉi tiun sekcion por publikigi ankaŭ petojn, demandojn, klarigojn, proponojn, en nia korespondado, tiamaniere, pere de unu pafo ni trafos du birdojn.

Ni publikigas parton de la lastaj leteroj, kiuj alvenis al la Redakcio, kaj unue, tiun de "Fido kaj Espero".

**VALLADOLID.** Pasintan 2-an de la nuna monato, kunvenis la Estraro de "Fido kaj Espero", kaj unuanime, oni decidis gratuli vin kaj la Komitaton pri Redaktado pro la laboro ĝis nun farita, tamen kun la celo, ke ĝi plibonigu, mi diras, kelkajn ideojn, ne nur miajn sed de aliaj estraranoj.

1-e Estas necese, ke "Boletín" aperu regule, tio estas, ke ĝi estu disdonita antaŭ la fino de la dua monato al kiu la numero respondas.

2-e Kelkaj personoj, ĉefe maljunaj, trovas kelkajn litertipojn ege malgrandaj.

3-e Publikigo de artikoloj pri la urbo, kie okazos la Hispana Esperanto-Kongreso.

4-e Aperigo de informoj pri Renkontiĝoj, Kunvenoj kaj Kongresoj, kie estas ebleco ĉeesti hispanaj esperantistoj.

5-e Indiki en la revuo la daton, kiun la kunlaborantoj devas sendi raportojn pri temoj, kiuj perdas aktualecon se ili ne estas publikigitaj tuj post la okazigo.

6-e Krei sekcion "Leteroj de la Legantoj", povas esti utila kaj konvena; kompreneble, oni devas publikigi tiujn leterojn de ĝenerala intereso.

7-e En ĉiu urbo, kie estas Grupo de Esperanto, devas esti nomita persono, kiu sendu al la Redakcio de "Boletín" informojn pri la aktivaĵoj de la loka grupo.

Subskribis: Luis Hernández

Jes, kara L. Hernández; la Redakcio kaj HEF-estraro deziras plenumi vian unuan peton, sed pro diversaj problemoj, ankoraŭ ni ne sukcesigis plene. Pri la 2-a, 3-a kaj 4-a punktoj; certe vi pravas, kaj pro tio, en la lastaj numeroj jam estis pli akorda kun viaj petoj, ol antaŭo.

Pri la 5-a demando, ne estas konvene indiki daton, ĉar vi devas pripensi ke kiam vi ricevas "Boletín", la Redakcio jam sendis al la presejo alian ekzempleron. Nur mi konsilas al la spontaneaj kaj regulaj kunlaboratoj, —la Redakciaj Komitatanoj jam scias tion—, ke ili devas sendi siajn kunlaboraĵojn kiel eble plej baldaŭ; ĉiam ni bezonas aktualajn noticojn.

Do, la punkton 6-an nun ni jam plenumas.

Via 7-a kaj lasta punkto vere trafas la problemon; ĉiu grupo devus nomi personon, kiu nur okupiĝus pri informado; tamen, malgraŭ niaj petoj al ĉiuj Esperantaj Grupoj, malmultaj respondis, kaj ankoraŭ malpli, jese.

oOo

**MANRESO.** Ŝajnas al mi, ke estus evento, digne starigi ree Esperantistajn Florajn Ludojn; lau mia opinio, ili devus havi internacian karakteron, ĉar en nia lando estas malmultaj esperantistoj, kiuj nun praktikas la beletron ĉu poezian, ĉu prozan.

Subskribis: G. Mora Arana

Vere vi pravas sed... kia organizo aŭ kiuj personoj povas preni sur sin tiun gigantan taskon? Interesuloj pri la starigo de Esperantistaj Floraj Ludoj bonvolu opinii pri la lasta demando.

**SAMA DE LANGREO.** Mi parolis al vi pri indeksoj, pro tio mi pensas, ke gazeto sen indekso estas tute senutila por la legantoj, kiuj ne havas privilegian memoron, kaj ĝenerale, ili estas granda plimulto.

Pri la laboro por fari la koncernajn indeksojn, mi promesas al vi mian modestan kunlaboron.

Mi jam redaktis la indeksojn por la kvin unuaj volumoj; mi jam havas ordigita tiun de la sesa (la sliparo), kaj dum la nuna somero, mi preparos tiun de la sepa. Mi sendis al vi la indeksojn de la kvara kaj kvina volumo. Ĉu vi ricevis ilin?

Subskribis: Sacramento Collado

Via propono estas tre interesa kaj vi certe pravas. Tamen la unika problemo estas la kosto de la eldonado de aparta numero de "Boletín" dediĉita kiel indekso. Ĉu H.E.F. povas dediĉi pli ol 25.000 pesetojn por eldoni indekson?

oOo

**MOYA.** Estimata sinjoro: Mi volas profiti la okazon de ĉi letero por peti al ĉiuj legantoj, havu la bonecon sendi poŝtkarton, de tempo al tempo, al la diversaj radio-stacio, kiuj regule elsendas en la internacia lingvo. P.E. Radio. Varsovio, Romo, Berno, Sabadell, Zagrebo, Vieno, k.t.p.

Se le esperantistaro ne interesiĝas por la Esperantaj radioprogramoj, ili malaperos. Do, ni estu konsekvencaj, kaj per malmulta peno, ni certigos la daŭrigadon de radio-programoj en la internacia lingvo. Kun amikaj salutoj restas via.

Kataluna samideano

---

Mi kore petas al ĉiuj veteranoj kiuj posedas malnovajn Esperanto-revuojn, kiuj aperis en nia lando (La Suno Hispana, Kataluna Esperantisto, Tutmonda Espero, Nia Vivo, k.t.p.), bonvolu skribi al mi, ĉar mi estas ege interesita kompletigi miajn kolektojn. RAMON MOLERA - Sta. Joaquina 13 - MOYA (BARCELONO).

oOo

# LA ETERNAJ PROBLEMOJ

Estis dimanĉo matene. Mi sidadis sur benko en publika ĝardeno, kio estis kaj estas tre ofta kutimo mia. Mi troviĝis sola, kiam juna paro da gejunuloj sidiĝis apud mi. Ili komencis interparoli, kaj jen kion vole au nevole mi auskultis:

Ŝi.— Ni restu ĉi tie dum mallonga tempo, ĉar ankoraŭ mi devas pretigi la tagmanĝon.
Li.— Jes, ni baldaŭ foriros. Se ni havus monon ni jam povus manĝi en restoracio.
Ŝi.— Vi ne parolu pri mono, ĉar mi ne scias kiamaniere pagi ĉiujn elspezojn.
Li.— Kompreneble, ni aĉetis tro da mebloj kaj per tiu sistemo de —parta pago—, ĉio fariĝas pli kara.
Ŝi.— Mi ja deziras havi hejmon montrindan al mia familia kaj amikaro.
Li.— Jes, sed mi jam diris al vi, ke tiujn meblojn ni devis aĉeti iom post iom.
Ŝi.— Ne grumblu, se al ni ne mankas la sano nek la laboro, ĉio solviĝos bonorde.
Li.— Se ni ne estus aĉetintaj tiujn meblojn, eble nun ni havus aŭtomobilon kaj ni ne estus devigitaj restadi en ĉi tiu urbaĉo, kie ni tiom enuas.
Ŝi.— Vi ĉiam pensas pri aŭtomobilo, sed unue estas la hejmo kaj poste la aŭtomobilo, ĉar ĝi estas luksaĵo, dum la mebloj estas ege necesaj.
Li.— Kion fari, ni geedziĝis antaŭ tri monatoj kaj ĉion ni ne povas posedi!
,Krom la monata pago por la etaĝo, kiu estas alta monata elspezo, ni devas atenti pri multaj aliaj zorgoj neprokrasteblaj.
Li.— Viaj gepatroj fakte povus helpi nin iomete pli, ĉar ili tiom jam povus fari sed ili ne volas.
Ŝi.— Eble vi pravas, sed ne forgesu, ke ili jam pagis la unuan "partan pagon" de la etaĝo. Vi ne ofendiĝu, sed viaj gepatroj tiusence nenion helpis al ni.
Li.— Jes, vi pravas, sed vi jam scias, ke tion ili ne povas fari; mia patro estas pensiulo kaj mia patrino nur laboras de tempo al tempo. Tamen vi ne povas, nei ke mia patrino ĉiam estas preta vin helpi en la hejmo, ĉion prizorganta dum vi laboras.
Ŝi.— Tio estas vero kaj mi estas dankema al ŝi. Bone estas pridiskuti niajn problemojn sed ni jam devas restadi trankvilaj, ĉar se la vivo iras normale, post kelkaj jaroj ni posedos propran hejmon kaj kiu scias eble eĉ aŭtomobilon.
Li.— Kaj kiu scias, ĉu ni ankaŭ havos kvar kvin infanojn, ĉu ne?
Ŝi.— Ne diru stultaĵojn, ĉu ni povos dece prizorgi kvar au kvin infanojn?
Li.— Ne timu, ni jam atentos pri tiu "problemo".
Ŝi.— Jes, jes, vi konstatu, kio okazis al niaj geamikoj Johano kaj Maria, ili pensis same kiel nun ni pensas, sed la realo estas, ke post tri jaroj de ilia geedziĝo ili nuntempe havas tri infanojn. Vi, la viroj estas tre kapricaj en tiu "tereno".
Li.— Silentu, silentu, ne parolu pri tiu, ĉar vi jam scias, kiu estas pli kaprica en tiu "tereno", kiel vi mem diras. (Momento ĉesis la interparolado kaj ili sin dediĉis al reciproka karesado).
Li.— Kaj nun, kiam ĝuste ni pritraktas tiun temon en nia konversacio, hieraŭ vi diris al mi, ke eble, eble venos la cikonio.
Ŝi.— Ci-foje vi timu nenion, mi forgesis diri al vi, ke hodiaŭ matene ĉio reordiĝis, nur okazis, ke la "afero" prokrastiĝis tri tagojn, kio pensigis min pri tiu ebleco.
Li.— Ne pensu, ke mi koleras pri tio, mi jam deziras havi filon. Sed nun ni havas tion da elspezoj, ke ĝi kaŭzus al ni gravajn ekonomiajn problemojn.
Ŝi.— Tio kion vi diras ja estas vero, sed vi pensu, kion erare ni kondutas, ni ja preferas belajn meblojn aŭ aŭtomobilon anstataŭ filojn.
Li.— Mi pensas, ke ni vivas en mondo en kiu perdigas la homaj valoroj, preferente tiujn materiajn.
Ŝi.— Bonvolu ne filozofiadi, ĉar vi aspektas tre melankolia; vi komprenu, ke ni ne povas solvi la problemojn de ĉi tiu mondo. Ni zorgu pri nia hejmo, pri nia vivo, tio estas kio vere interesas nin, ĉu ne?
Li.— Jes, tio jam estas vero kaj ankaŭ estas vero, ke se ni restadas en ĉi tiu benko, vi neniam pretigos la tagmanĝon kaj mia stomako jam ekprotestas.
Ŝi.— Nu, ni foriru kaj mi esperas, ke vi helpos min en la preparado de la manĝaĵoj, ĉu?
Li.— Jes, mi konsentas.

Ili foriris, kaj ankaŭ mi.

Luis Serrano Pérez



# "HAIR"

**MUZIKA ROCK-AMORO - AMERIKA TRIBO**

La muzika teatraĵo, kiu dum multaj jardekoj estis kreitaj pere de regulaj leĝoj tradiciaj, kaj akceptitaj de la plimulto de la muzik-kreantoj —memoru vi la skemon de Opero, Opereto, Zarzuelo. ktp.— rompis nuntempe la rigidajn leĝojn kaj adaptiĝis al la novaj cirkonstancoj de nia epoko; nur tial la publiko denove ĝuis kaj emociis kaj parolis pri "Opero". Pro tio, feliĉe por la amantoj de la muzika teatraĵo, 4 rock-operoj estis prezentitaj al la hispana publiko dum la lastaj monatoj. Tiu menciita sukceso preparis la terenon por efektivigi ankaŭ la prezentadon de la unua rock-opero en kataluna lingvo titolita "Granja Animal" (La besta farmo). Pri, la aliaj 4 operoj "Godspell", "Jesukristo Superstar", "Tomny" kaj "Hair", ĉiu el ili posedas proprajn muzikvaloron, moralan mesaĝon, kaj tio, kio estas tre grava, laŭ mia vidpunkto, posedas muzikesprimojn de la hodiaŭa muziko, arte prezentita, kaj bone traktita, kiuj senrezerve atingas la koron de la aŭskultantoj, prefere de la gejunuloj. Dezirante komenti tiun novan agadon en la opero, ni analizos iomete "Hair".

Tiu ĉi verko estis prezentita al la usona publiko la jaron 1967-an en cirkonstancoj malfacilaj por la junularo de Usono, kiu vivis en tiu socio, kiu malfermis la pordon de Vjetnamo, kiel la unika vojo. La ĉiutaga vivo por ili estis malamika, kaj pro tio, la junularo rifuĝis en la kanto, la amo kaj la paco.

La monda muzika kritikistaro juĝis "Hair", kiel la atingon plej ĉefa en la historio de la muzika teatrarto de la jarcento 20-a. Laŭ nia opinio, ili pravas. La muziko de "Hair" esprimas la sekson, la malĝojon, la malpurecon, la provokecon, la bruon, la ĝojon de la junularo, kiu ne povis manifesti tiujn emojn kaj sentojn pere de alia formo.

Kiuj naskis "Hair-n"? Du senbrilaj rolantoj, Gerome-Jerry Rapni kaj James-Jimmy, skribis dum du jaroj sur paperaj buŝtukoj, sur malnovaj kovertoj, sur uzitaj paperoj, scenojn, kiuj esprimis siajn homajn spertojn, kaj inter ili la junulara ribeleco estis la ĉefa motivo. La muzikon verkis Galt Mc. Dermot. Rezulto, dum 9 jaroj oni prezentis "Hair-n" ĉiulande kaj atingis ĉiam grandegan sukceson.

Ĉiuj amantoj de la muziko, scias, ke nur en iaj partoj de la muzik-verkoj, eĉ en la plej famaj, la aŭskultantoj nur atingas la emocian kulminon, la spiritan unuecon kiel unu sola korpo kaj koro, dum etaj partoj de la verkoj, estas momento kiam la aŭskultantoj preskaŭ ne spiras, ke oni konstatas, ke nia braka haŭto elektriĝas, ke oni ĝojas, malĝojas, ridas kaj ploras dum du au tri eternaj sekundoj; post tiaj paradizaj momentoj, miloj da manoj, premias al la rolantoj per grandioza aplaŭdo, eĉ kelkafoje ne atendante la finon de la sceno.

Se vi, leganto, sentis tio kelkafoje okaze de la aŭskultado de tradiciaj muzikverkoj, kiel "Haleluja de Haeldel", "Naŭa Simfonio de Betoveno", "Tanhauser de Vagnero", "Nabuco de Verdi", certe vi ĝuos tian apoteozon en "Hair".



La valoro de "Hair" ne estas nur muzikflanke, sed en diversaj aspektoj meritas esti menciita: la komenco de la unua sceno, dum la publiko eniras en la tatron; la internacia rasa aspekto de la rolantoj; tio, kion rakontas lla ĉefaj rolantoj kaj kiel ili rakontassiajn problemojn kaj esperojn; la sceno dum kiu la gerolantoj staras nude antaŭ la publiko; la meza'o de paco, amo kaj mamilita agado; la problemoj de la etnaj minoritatoj; la fina kanto plena da espero pri la estonteco, de granda toleremo por niaj akuzantoj kaj kompleta fido en la justeco kaj la libero de la estonta homaro.

**Certe "Hair" estas perlo de la moderna muziko kaj brilega stelo de la aktuala rock-muziko.**

**Suno**

## IV-a AŬTUNA JUNULARA ESPERANTISTA RENKONTIĜO 23-24 OKTOBRO

## JUNULGASTEJO "ST. PERE D' AVINYO"

## OFICIALA PROGRAMO

Sabaton je la: 19-a: Akceptado en la koketejo.
20-a: Interkona vespero kun ĉiuj especaj herboj (1).
21-a: Kolektiva orgio (1-a parto).
22-a: Tre interesa parolado pri elektota temo.



Kion atendas la gejunuloj?

Temoj por elekti: Scienca: "La senmorteco de la Birgo". Nuntempa: "HEJS". Multajara lukto por la neŭtreleco". Fikcia scienco: "Amnestio".
23-a: Orgio (2-a parto).
Dimanĉon je la: 8-1: Brua ellitiĝo (2).
9-a: Dieta matenmanĝo.
10-a: Olimpikaj ludoj.
13-a: Krokodilado pri Banalaĵo.
14-a: Kanibala tagmanĝo.
16-a: Jetado de medaloj kaj Ĝenerala amnestio.

**Notoj:**
(1) speciale haŝiŝo.
(2) Delikataj metodoj (fare de nia oficiala torturisto).

J.E.S.S. de Centro Esperanto Sabadell prenis sur sin, kiel pasintjare, la organizadon de A.J.E.R. Kiel la leganto povas konstati, la programo estis tre interesa kaj amuza. La organizantoj kaj respondeculoj de la diversaj J.E.G. plene kaj efike kunordigis sian laboron, kaj la rezulto estis tre simpatia kaj sukcesiga aranĝo. Ĉeestis pli malpli 55 gejunuloj kaj infanoj.

# La Sardana

## KATALUNA DANCO

La "sardana" estas la propa danco de Katalunujo, hispana regiono. Ĝi estas dancita, krome, en teritorioj de Valencio, kie oni parolas katalune, kaj en la Balearaj Insuloj (Hispanujo), en Andoro, en la Orientaj Pireneoj (Francujo) kaj en L' Alguer (Italujo). Oni dancas ĝin ankaŭ en Madrido kaj en aliaj urboj de Eŭropo kaj Ameriko, kie katalunoj grupiĝas. Ĝi estas rimarkinda pro ĝiaj estetikaj kaj moralaj valoroj. Ensemblo da dek unu muzikiloj, preskaŭ ĉiuj blovaj, nomita "kobla", ludas sardanojn. La sardano estis laŭdita de elstaraj majstroj, tiaj, kiaj Igor Stravinski, Schweitzer kaj Richard Strauss.

Ĝi estas klasika kaj matematika danco. La sardandancistoj kuniĝas libere en "rotllanes", tio estas, ili formas rondojn prenante la manojn. La dancistoj devas kalkuli la taktojn de la muziko -kiu ĝenerale konsistas el malsamaj nombroj ĉe ĉiu kompanajokaj traduki ilin en paŝojn, tiamaniere, ke dividitaj, jenturnante dekstren, jen maldekstren, la danco elvolviĝas kaj finiĝas ekzakte akorde al la tradiciaj normoj, kiuj regas ĝin.



Ĉiu homo rajtas eniri en la sardanon, en nelimigita nombro, sen diskriminacio pri sekso, aĝo, raso, nacieco, klereco, pensmaniero, socia tavolo, ekonomia pozicio, k. t. p. Ĉiuj estas akceptitaj en la rondo, kaj oni povas lauvole eniri aŭ eliri je ajna momento, tamen, ĉe iu dancanta geparo, oni rajtas eniri en la rondon nur prenante la maldekstran manon de la virinoj, ĉar je ŝia dekstra flanko, estas supozite, ke la viro estas ŝia fianĉo, edzo au amiko.

La sardano estas la esprimo de aŭtentika demokratio: ĝi firmiĝas la homrajton kaj reprezentas la idealan bildon pri nova mondo.

Ekzistas unu sardano en Esperanto, titolita "Sabadell Esperantista"; muziko de J. Mª Llorens, eldonita okaze de Esperantista Renkontiĝo en Sabadell.

Ni, la sardanistoj, propanas ĝin al bonvolaj homoj kiel mesaĝon de paco, justeco, frateco kaj beleco.

# Ni, esperantistoj

**FERMITAJ KAJ MALFERMITAJ MENSOJ.**

Estas fakto, ke la mondo tre ŝanĝiĝis dum la lastaj jarcentoj. Tiel rapide ŝanĝiĝis kaj daŭre ŝanĝiĝis, ke por multaj homoj estas malfacile adapti sian menson al la novaj cirkonstancoj. Iliaj mensoj, iliaj pensoj, ne kongruas kun la nova stato de la socio nek kun la novaj problemoj, kiujn tiu rapida ŝanĝiĝo de la socia medio kreis. El tio devenas la konvulsia situacio de nia aktuala mondo. Eble, ni trapasas la krizon de la trairo de diversaj kaj ne altgradaj civilizacioj al plej alta ŝtupo de unu tutmonda civilizacio.

Certe, ankoraŭ grandaj amasoj de homoj ne perceptas tute klare la novajn cirkonstancojn en kiuj ni vivas, nek perceptas la larĝiĝon de la socio, kiu, jam de landa, fariĝas tutmonda. Tio ne estas strange; ni ĉiuj pro scio, kredaĵoj kaj eduko, precipe estas rezulto de la pasinteco kun ties pasintaj cirkonstancoj.

Kiel malfermi la mensojn? Oni devas vastigi la horizonton de nia mensa rigardado. Oni devas rigardi ne nur nin mem sed ĉiujn aliajn; aliajn, kiuj nun jam estas la tuta homaro. Oni devas rigardi ne nur la lokon, kiun ni unue piedfrapis t.e. nia naskiĝlando, sed ĉiujn aliajn landojn. Oni devas kompreni, krom nia lando, ankau la aliajn landojn, krom niaj moroj, ankau aliajn morojn, aliajn ideojn kaj vivkonceptojn. Oni devas konvinkiĝi, ke la homoj devas kunlabori por ebligi novan tutmondan civilizacion oni devas malfermi niajn mensojn por ke ni, ĉiuj, estu kapablaj je la alteco de la novaj cirkonstancoj en kiuj ni nun vivas, kaj la baldaŭaj, kiuj sekvos.

La homoj bezonas antaŭ la novaj cirkonstancoj, ne nur tiujn kompreni, sed eĉ propravole, konduki ilin al ebena vojo, kaj ni devas kompreni por ebena vojo, la humanigon de la historia evoluo. La formigo de unueca civilizacio devas esti kreata, kaj tio, devas okazi sen militoj, kiuj riunigus ĉion, kaj sen perfortaj revolucioj, kiuj retroirigus la civilizacion. Se devas esti nova tutmonda civilizacio, tia nur estas eble per konsenta kaj kolektiva agado de la homoj: "La popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian." Z.

Ĉu ni, esperantistoj, per nia lingvo Esperanto ne havas la ilon por malfermi la mensojn al tiu vasta perspektivo? Kiel Kultura kaj interrilata ilo, nia tutmonda lingvo estas neanstataŭebla por tiu agado. Ni povas diri, ke la esperantismo estas tute ligita al ĝi. Pro la malfermitaj mensoj de la popolamaso, la esperantismo nesufiĉe disvastiĝis, ne nur kiel estas nia deziro, sed en la neceso de nia tempo kiel precipa historia faktoro de evoluo de la homaro. La sukceso de la malfermigo de la mensoj estas reciproka kun la sukceso de nia lingvo. Tio estas nia kultura agado, kaj sen ĝia sukceso, ne sukcesos ankaŭ la lingva disvastigado.

La nuna mondo ka suferas pro komunaj nesolvitaj problemoj. Se ili restos nesolvitaj, nia civilizacio ruiniĝos. Certe, la homoj disfalus en alian, nigran mezepokon.

Kiaj estas la antaŭviditaj problemoj de la homaro? : La populacia eksplodo, la nutraĵproblemo, la kreskanta bezono por energio, la foruziĝo de krudmaterialo, la malpurigo de nia medio, la firmigo de la paco kaj ankau pluaj sociaj. Ĉiuj tiuj problemoj jam estas komunaj por la tuta homaro, kaj nur estas solveblaj je tutmonda skalo.

La homoj bezonas Esperanton. Pro tio, la unua mondproblemo, kiu devas esti solvita, estas la lingva problemo. Ĝi estas la plej facile solvebla kaj la antaŭkondiĉo por ebligi la solvojn de la aliaj. Por tio oni ne bezonas vastajn ŝtatajn konferencojn, akordojn au traktatojn. Al ĉiu simpla homo estas atingebla lerni kaj uzi la lingvo, kaj se ĉiuj lernus ĝin, la lingva problemo solviĝus.

Ni devas konsciigi la homojn, ke ni ĉiuj klopodi por solvi la homarproblemojn; ke se tiuj aperas nesolveblaj, estas pro kialoj, kiuj kuŝas en la homoj mem, kiel la nerespondeco, senkonscieco, mallaboremo por la komunumo, nesolidareco, k.t.p. Resume: pro etikaj kialoj —ĉar aliaj ne estas— la indiferenteco por la esperantismo.

La uniĝo de la homaro, revata de Zamenhof, nun jam transiris de idealo al neceso, de revo al devo. Iuj neceso kaj devo por la travivado de la homaro mem. Ni malfermu niajn mensojn al la postuloj de tiu neceso, kaj per, kaj por Esperanto. En la esperantismo kuŝas la precipa historia faktoro por enkonduki la novan civilizacion. Ni estu je la alteco de tiu farenda tasko.

G. Moya

## INFORMOJ DE... UN KAJ NI

**Kion signifas "Konferenca Servo"?**

En la oficejoj de UN en Novjorko kaj Ĝenevo estas konferencaj servoj. Laŭ informoj de niaj kunlaboratoj Guido Bertucci kaj Mark Star, la departemento De Konferencaj Servoj en Novjorko elspezas jare 23 126 000 dolarojn (en la jaro 1975), el kiuj 56,4% estas por tradukado kaj interpretado. La samspeca fako Servado Por Konferencoj en Ĝenevo elspezas jaro 9 140 000 dolarojn, el kiuj 70% estas por tradukado kaj interpretado.

Por vidi la laborkvanton de la servoj, ni vidu la nombrojn de la tradukitaj paĝoj. Kvankam la ciferoj estas de la jaro 1972, ni povas kompreni la situacion proksimume.

**En Novjorko:**

| | |
|---|---|
| hispana | 50 000 paĝoj |
| franca | 48 000 |
| rusa | 45 000 |
| ĉina | 20 000 |
| angla | 17 700 |
| araba | 800 |
| sume | 181 500 paĝoj |

**En Ĝenevo:**

| | |
|---|---|
| franca | 32 000 paĝoj |
| rusa | 27 500 |
| hispana | 24 500 |
| angla | 14 200 |
| sume | 98 200 paĝoj |

Do, kion signifas la "konferencaj servoj"? ...

oOo

## PUBLIKA DANKESPRIMO DE CENTRO DE ESPERANTO SABADELL

Kun nekutima ĝojo ni deziras informi la tutlandan esperantistaron pri same nekutima novaĵo. Nia al la fervoro kaj malavareco de s-ino Antonia Galbany de Criach, je la respektinda memoro de sia forpasinta edzo, kiu kun juneca varmo sin dediĉis la tutan vivon al la disvastigado de nia estimata idealo, senlace, konstante frapante. La strebado de tiaj pioniroj estas la plej bona garantio por la plua disvastigado kaj progreso de nia movado. Ilia sindonemo kaj fido je la nunaj aktivuloj estas la plej forta instigilo. Kaj daŭre ni agos kaj daŭre ni semos kaj semos konstante.

## LASTMOMENTA NOVAĴO

La Estraro de nia Federacio informas, ke ĉar la samideanoj el Burgos rezignis pri la okazigo de la venontjara Kongreso, la 37-a Hispana Kongreso de Esperanto okazos en Sabadell.

**Pliajn informojn sekvos en venonta "Boletín".**

## FONDO PARA LA ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | |
|---|---|
| Suma anterior. . . . . | 580.842,— |
| Gerardo Flores . . . . | 5.000,— |
| José Arroyo . . . . . . | 600,— |
| Total . . . . . | 586.442,— |

## DONATIVOS PARA EL BOLETIN

| | |
|---|---|
| Suma anterior. . . | 9.832,— |
| Joaquin Benito Fombuena . . . . . . . . . . | 250,— |
| Jaime Marcé Mercadé. . . . . . . . . . . . | 50,— |
| Miguel Vilagrán. . . . | 50,— |
| Total . . . . . | 10.182,— |

# NEKROLOGOJ



La 6-an de novembro, S-ro Johano Devís Calpe, Prezidanto de la Grupo de Valencio kaj Estrarano de H.E.F., subite mortis pro embolio, post nepardonebla malsano.

La tuta valencia samideanaro, sciigita de "Esperantista Mikrofono" de "La Voz de Levante", ĉeestis amase en lia enterigo.

Li estis bonega esperantisto, facila oratoro kaj verkisto. La paĝoj de Boletín enhavas multajn trafajn recenzoj de libroj.

Ni ĉiuj kondolencas la vidvinon kaj du filojn.

—●—

S-ro Konrado Berghänel, germana naskiĝinta samideano, forpasis la pasintan septembron. Li esperantiĝis okaze de la 4-a U.K. en Dresdeno (1908), iom poste venis en Hispanujo, kie de tiam oni vidis lin dum multaj jaroj en ĉiaspecaj Esperanto-aranĝoj, lokaj, naciaj kaj internaciaj.

Ĉiaman pacon al li.

—●—

Ni funebras la forpason de S-ro Salvador Arnella i Mas, hispana pioniro de la Esperanto-Movado, jam en la jaro 1912 partoprenis la agadon de la iama Esperanta Nesto kaj sencese daŭrigis sian laboron.

Sinceran kondolencon al liaj familianoj.

—●—

La 16-an de oktobro, subite mortis en Sabadell, k-do Jaume Viladoms Valls, esperantista veterano, kiu eklernis tie la Internacian Lingvon jam en 1913, kiam li estis nur 10-jaraĝa infano.

En la periodo antaŭa al la intercivitana milito nialanda, li estis tre aktiva en la laborista Esperanto-Movado.

Danke al lia iniciato, la jaron 1950 estis restarigata Esperanto-Klubo en Sabadell, kie li, la unua, gvidis plurajn Esperanto-Kursojn. Al lia familio nian sinceran kondolencon.

—oOo—

## NUEVOS "DUMVIVAJ MEMBROJ"

Nº 24 Juan Figueras Font (1007)
Nº 25 Pedro González Cantero (1561)
Nº 26 Josefa Gallart de Ortet (2291)

## SOCIOS PROTECTORES DE H.E.F. PARA 1976

25. Alfonso Bernaldo de Quirós (2014)
26. Félix Gómez Martín (598)
27. Antonio Pesquera Monteagudo (2302)

# la kornoj de la bovo



Inter ni, hispaniaj esperantistoj, oftas bedaŭrinde tiuj homoj, kiuj ne ĝuste prononcas la literojn **Bo** kaj **Vo**, kaŭze de tio, ke en niaj lingvoj plimulte ne ekzistas tia distingo (ja certe ĝi ie ekzistas! ). Ni mem ne protestas, ĉar ni jam alkutimiĝis, sed, kiam nin aŭdas eksterlandano, ĝi tute konfuziĝas, ne komprenante nin pro la BoVo (ĝi aŭdas bobo, au vovo, au vobo). Ni devas kapti la bovon ke la kornoj, t.e., ĉiam bonege distingi Bo disde Vo. Tiel ne okazos, ke frazo en Esperanto povu esti komprenata laŭ du signifoj malsamaj, kio kontraŭas la principon pri klareco. Por pli evidente montri tiun danĝeron, ni prezentas aron da frazoj, kiuj enhavas aŭ Bo aŭ Vo, sed oni ne scios, kiu el ambaŭ literoj ĝi estas: ni skribas anstataŭ ili la signon X (ikso), kaj vi konstatos, ke legante Bo la frazo havas iun signifon kaj legante Vo ĝi signifas alion, neeblante elekti inter ambaŭ la ĝustan, sen adekvata prononco. En la venonta bulteno ni klarigos tiujn signifojn.

1. Mi malfruiĝis pro la Xojkoto.
2. Gi estas Xulgara kutimo.
3. Feliĉe ni atingis la Xenkon.
4. Mi aĉetis raXoXeston.
5. Min regas diXoĉo.
6. Cu la morto de Sokrato estis Xana?
7. La Xeno de la pastro multe helpis.
8. Oni prostudas la Xarbon de tiu fraulino.
9. Mi sciigis tion al li per la Xokuzo.
10. La fraŭlino forlasis lin pro lia Xolo.
11. Mi helpos la saXaton.

Ludoviko de Yzaguirre

# 62-a universala kongreso de esperanto, rejkjaviko, islando



de la 30-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto 1977